| 2me Année, N° 21. Mai 1904. | 2a Jaro, 21a Numero. Majo 1904. | 2e Jaar, Nr 21. Mei 1904. |
|---|---|---|






GAZETO ESPERANTISTA ELIRANTA ĈIUMONATE EN BELGUJO.

JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE MENSUEL. | BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT.

| PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL : | KOSTO DE LA JARA ABONO : | JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS : |
|---|---|---|
| 2.50 fr. pour la Belgique ;<br>3.00 fr. pour l'étranger.<br>5.00 fr. (minimum) : abonnement de protecteur. | 2.50 fr. en Belgujo ;<br>3.00 fr. en eksterbelgaj landoj.<br>5.00 fr. (almenaŭ) : protektanta abonanto. | 2.50 fr. voor België ;<br>3.00 fr. voor den vreemde.<br>5.00 fr. (ten minste) : inschrijving als beschermer. |
| **Un numéro : 0.25 fr.** | **Unu numero : 0.25 fr.** | **Het nummer : 0.25 fr.** |

Ĉefredaktoro — Rédacteur en chef — Hoofdopsteller : Jos. JAMIN, 55, rue des Drapiers, Bruxelles.
Cenzuristo — Censeur — Keurder : Lucien BLANJEAN, 83, rue du Collège, Ixelles-Bruxelles.
Abonoj — Abonnements — Inschrijvingen : M. SEYNAEVE, 3, rue de l'Avenir, Courtrai.
Presisto — Imprimeur — Drukker : A.-J. WITTERYCK-DELPLACE, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.


La personoj, kiuj sendos al ni almenaŭ sumon da kvin frankoj, estos enskribitaj kiel protektantaj abonantoj kaj ilia nomo estos presita en ia proksima numero.
Nia ĵurnala jaro komenciĝas la 15an de Septembro. Se oni abonas post tiu-ĉi dato, oni ricevas la jam elirintajn numerojn.

Les personnes qui nous enverront au moins la somme de cinq francs seront inscrites comme abonnés protecteurs et leur nom paraîtra dans un prochain numéro.
L'année de notre Journal commence le 15 Septembre. Si l'on s'abonne après cette date, on reçoit les numéros déjà parus.

*De personen die ons ten minste de som van vijf franken toezenden zullen opgeteekend worden als inschrijvers-beschermers en hun naam zal in een aanstaande nummer gedrukt worden.*
*De jaargang van ons Blad begint met 15n September. Indien men zich na dien datum laat inschrijven, ontvangt men de reeds verschenen nummers.*

## ENHAVO.



## SOMMAIRE.



## INHOUD.

## JOURNAUX ESPÉRANTISTES — ESPERANTISCHE BLADEN.

**Lingvo Internacia**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*). Mr Paul de Lengyel à Szekszârd, Hongrie.

**L'Espérantiste**, revue officielle de la Société française pour la propagation de l'Esperanto, 20 pages (format 15 × 20) de texte Esperanto-Français, 8 pages de couverture, correspondance internationale en Esperanto gratuite pour les abonnés. 3.50 fr. par an (*3.50 fr. 's jaars*) 4.00 francs avec inscription à la Société (*4.00 fr. met aanneming in de Maatschappij.*) Administration de l'Espérantiste à Louviers (Eure) France.

**Societo por Internaciaj Rilatoj** (S. I. R.), fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*); avec l'organe de la Société (*met het orgaan der Maatschappij*) « **Lingvo Internacia** » fr. 6.00 par an (*6.00 fr. 's jaars*) Mr Paul Fruictier, 27, boulevard Arago, Paris.

**Literatura Biblioteko de Lingvo Internacia**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr. 's jaars*) Mr Paul de Lengyel à Szekszârd, Hongrie.

**Rondiranto**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*) Mr G. P. Oreŝkov, Plovdiv, Bulgarie & L. Cogen, 61 rue des Rémouleurs, Gand.

**La Holanda Pioniro**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*) Mr Dreves Uitterdijk, Hilversum, Holland.

**Bohema Esperantisto**, fr. 3.50 par an (*3.50 fr. 's jaars*) Mr Ĉejka, Th. Bystrice-Hostyn, Moravie-Autriche.

**L'Esperantista**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*) Grafo Albert Gallois, Riolunato, prov. de Modena, Italie.

**La Svisa Espero**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr. 's jaars*) Mr Th. Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève, Suisse.

**Antaŭen Esperantistoj**! 0,150 Livroj = fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*) Mr Ant. Alvarado, str. Lartiga no 106a Lima, Pérou.

**Ĉilio Esperantista**, gratuit au Chili (*kosteloos in Chilië*) Mr Luis E. Sepulveda Cuadra, cas. 1989, Santiago, Chili.

**La Suno Hispana**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*) Mr Aug. Jimenez Loira 5, Corona, Valencia, Espagne.

**The Esperantist**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*), Mr H. Bolingbroke Mudie, 41, Outer Temple, W. C. London, England & M. Seynaeve, 3, rue de l'Avenir, Courtrai. Un numero : 40 Cmes.

**La Juna Esperantisto**, 2.00 fr. par an (*2.00 fr. 's jaars*). Mr H. Hodler, 9 avenue des Vollandes, Genève, Suisse.

**Internacia Scienca Revuo**, fr. 7.00 par an (*7.00 fr. 's jaars*), Hachette & Cie, 79, Bd St Germain, Paris.

**Espero Katolika**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr.'s jaars*), M. Barbot-Berruer, 72, rue des Halles, Tours (France) & M. Mattelaer, 3, place de l'Université, Louvain.

**Esperantistische Mitteilungen**, fr. 2.00 par an (*2.00 fr. 's jaars*). M. Borel, Prinzenstrasse, 95, Berlin.

**Revuo Internacia de Stenografio**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*). Dreves Uitterdijk, Tulpstraat, 74, Hilversum (Holland).

**Revuo Universala**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*), M. Emile Gasse, 71, rue Michelet, Le Havre (France).

**La Meksika Lumturo**, fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*), Dro A. Vargas, Santa Rosa Necoxtla (Ver.) Mexique.

## Esperantistaj grupoj en Belgujo.

**Poliglota Klubo en Bruselo, Esperantista Sekcio**. Sidejo : Hôtel Ravenstein, rue Ravenstein, 3. Prezidanto : Sro Jos. Jamin, Sekretario Sro L. Blanjean.

**Antverpena grupo Esperantista. A. G. E.** Sidejo : Taverne Royale, Place Verte, 39. Prezidanto : Sro Ray. van Melckebeke; Sekretarioj, L. Jamin kaj F. Dupont.
Kunvenoj ĉiumarde je la 8 ½ horo.

**Esperantista Katolik-Universitata Grupo E. K. G.** Sidejo : Loveno. Sekretario : P. Mattelaer, 3, place de l'Université, Louvain.

**Esperantista Lovena Grupo.** Sidejo : Taverne St Jean. Café Monico, rue de Diest. (Louvain, Leuven). Prezidanto Sro Edm. Vandieren. Sekretario Sro R. Dekeyser.
*Virina Sekcio* · Sekretariino, Frino Cl. Nythals.

**Esperantista Studenta Grupo**. Sidejo : Hôtel des Notaires, rue des Boutiques, Gento (Gand, Gent). Prezidanto : Sro M. Seynaeve, sekretario : Sro R. de Bie, 128, chaussée de Courtrai, Gand.

**Bruĝa Esperantista Grupo**. Sidejo : Bruĝo (Bruges, Brugge). Prezidanto : Sro A. J. Witteryck, sekretario : Sro Lekeu, 49 rue Wallonne.

**Esperantista Grupo en Lieĝo**. Prezidanto : J. de Hemptinne, Sekretarioj : G. Sloutzky, rue Renoz, 10, Liége kaj R. Ficher.

**Esperantista Grupo en Meĥleno**. Prezidanto Sro L. Van Peteghem ; Sekretario : L. Van Elst, rue Notre Dame, Malines (Mechelen).

**Esperantista Grupo en Gilly**. Provizora sekretario : Sro Fr. Roelandt, Gilly-Sart-Allet.

**Universitato Popola en St Gilles (Bruselo) Esperantista Sekcio.** Sidejo : rue du Fort, 80. St Gilles-Bruxelles. Provizora sekretario : Sro L. Christiaens.

2me Année, No 21. Mai 1904. | 2a Jaro, 21a Numero. Majo 1904. | 2e Jaar, Nr 21. Mei 1904.

GAZETO ESPERANTISTA ELIRANTA ĈIUMONATE EN BELGUJO.




JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE MENSUEL. | BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT.

| PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL : | KOSTO DE LA JARA ABONO : | JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS : |
| --- | --- | --- |
| 2.50 fr. pour la Belgique ;<br>3.00 fr. pour l'étranger.<br>5.00 fr. (minimum) : abonnement de protecteur. | 2.50 fr. en Belgujo ;<br>3.00 fr. en eksterbelgaj landoj.<br>5.00 fr. (almenaŭ) : protektanta abonanto. | 2.50 fr. voor België ;<br>3.00 fr. voor den vreemde.<br>5.00 fr. (ten minste) : inschrijving als beschermer. |
| **Un numéro : 0.25 fr.** | **Unu numero : 0.25 fr.** | **Het nummer : 0.25 fr.** |

Ĉefredaktoro — Rédacteur en chef — Hoofdopsteller : Jos. JAMIN, 55, rue des Drapiers, Bruxelles.
Cenzuristo — Censeur — Keurder : Lucien BLANJEAN, 83, rue du Collège, Ixelles-Bruxelles.
Abonoj — Abonnements — Inschrijvingen : M. SEYNAEVE, 3, rue de l'Avenir, Courtrai.
Presisto — Imprimeur — Drukker : A.-J. WITTERYCK-DELPLACE, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

# PROTESTO.

Ni legas en la lasta numero de « L'Espérantiste » :

« Plej formale kaj plej energie ni protestas kontraŭ la rajto, kiun ĵus arogis al si — *kaj malgraŭ la nedubeble kontraŭa respondo de Dro Zamenhof* — unu ĵurnalo, kiu pretendas servi al nia afero en Ameriko.

Neniu, kaj sub nenia preteksto, havas la rajton ŝanĝi *sisteme* la alfabeton de Esperanto. La homo, kiu tion faras, certe meritas la nomon « reformisto », sed per la fakto mem ĝi perdas la nomon « Esperantisto », ĉar ĝi disiĝas de ĉiuj akceptantaj kaj vastigantaj la regulan Esperanton.

Plie ni diros, ke peti pri konsilo Dron Zamenhof, ricevi de li tiun ĉi respondon : « *sed se vi dezirus presadi per alfabeto tute reformita, tio ĉi estus tre danĝera, tre danĝera paŝo, kiu baldaŭ disfaligus nian tutan aferon* », por neniel atenti al ĝi, tio ĉi estas insulti la majstron kaj rebate ĉiujn verajn Esperan-

## Protestation.

Nous lisons dans le dernier numéro de « l'Espérantiste » :

« Nous protestons de la façon la plus formelle et la plus énergique contre le droit que vient de s'arroger — *et malgré la réponse indubitablement contraire du Dr Zamenhof* — un organe qui prétend servir notre cause en Amérique.

Personne, et sous aucun prétexte, n'a le droit de changer *systématiquement* l'alphabet de l'Esperanto. Celui qui le fait mérite à coup sur le nom de réformiste, mais perd par le fait même celui d'Espérantiste, puisqu'il se sépare de tous ceux qui acceptent et propagent l'Esperanto régulier.

De plus, consulter le Dr Zamenhof, en recevoir cette réponse : « *mais si vous désiriez imprimer avec un alphabet tout réformé, ce serait un pas très dangereux, très dangereux, qui amènerait bientôt la ruine de toute notre cause* », pour n'en tenir aucun compte, c'est insulter le maître et par ricochet tous les vrais Espérantistes ; c'est montrer aussi qu'on est plus attaché à ses

## Protest.

*Wij lezen in het laatste nummer van « L'Espérantiste » :*

« *Wij protesteeren op de uitdrukkelijkste en krachtigste wijze tegen het recht dat een orgaan, zich aanmatigt* — en niettegenstaande het ontwijfelbaar tegenovergesteld antwoord van den Dr Zamenhof, — *dat beweert onze zaak te dienen in Amerika.*

*Niemand, en onder geen voorwendsel, heeft het recht het Esperantisch alphabet stelselmatig te veranderen. Deze die het doet verdient zekerlijk den naam van hervormer, maar verliest door het feit zelf dezen van Esperantist, vermits hij zich afscheidt van al dezen die het regelmatig Esperanto aanvaarden en verspreiden.*

*Te meer, Dr Zamenhof raadplegen, van hem dit antwoord ontvangen :* « maar indien gij wenschtet te drukken met een gansch hervormd alphabet, het ware een zeer gevaarlijke, zeer gevaarlijke stap, die welhaast den val van gansch onze zaak zou teweegbrengen », *om er geene rekening van te houden, 't is den meester beleedigen, en meteen al de ware Esperantisten ; 't is ook*

tistojn ; tio ĉi ankaŭ estas montri, ke oni amas pli multe siajn ideojn, siajn preferojn ol la aferon mem, al kiu oni pretendas servi. »

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

L. DE BEAUFRONT.

La opinion de S<sup>ro</sup> de Beaufront ni aprobas tute.

Antaŭe, ni jam kontraŭbatalis la ŝanĝojn, kiujn kelkaj samideanoj intencis enkonduki en Esperanton. Pli ol frue ni forĵetas, sen antaŭa ekzameno, ĉiun novaĵon prezentitan koncerne la lingvon internacian. Ni okupas nin nur pri propagando kaj ni sekvas religie la principojn starigitajn de Doktoro Zamenhof. Estonte, ni ne raportos plu pri la agoj de tiuj, kiuj nerespektas la regulojn akceptitajn de ĉiuj, kiuj bataladas kuraĝe de multaj jaroj por nia afero.

Cetere, oni estas amiko de Esperanto, oni estas indiferentulo pri la efektivigo de tiu bela elpenso aŭ oni estas kontraŭulo de ĝi. Al tiuj lastaj apartenas la homoj kiuj anstataŭ laboradi por la disvastigado de la lingvo perdas ŝatindan tempon por kritiki aŭ malbele aliformigi ĝin sen vera motivo.

Nu ! ni forlasu ilin voje, sen bedaŭroj, kaj antaŭen !

LA REDAKCIO.

## Tra la Mondo Esperantista.

Dum la pasinta monato, de Germanujo ni ricevis du novajn librojn. La unua estis « Vollständiges Lehrbuch der Esperanto-Sprache » traduko de la tre konata libro de S<sup>ro</sup> Cart, « L'Esperanto en dix leçons » ; la tradukinto, S<sup>ro</sup> Borel, aldonis al la originala verko kelkajn literaturaĵojn, prozaĵojn kaj poeziojn. La dua estas « Wörterbuch Deutsch-Esperanto » vortaro German-Esperanto verkita sub la redakcio de Doktoro Zamenhof (la Germanoj ortografiigas Samenhof) de S<sup>roj</sup> Hermann Jürgensen kaj M. Pagnier. La vortaro estas tre plena ĉar ĝi enhavas pli ol dekses mil vortojn. Tiuj libroj ambaŭ promesas alkonduki al nia Ideo multe da novaj lernantoj en ĉiuj landoj kie oni parolas la Germanan lingvon.

Nia kunfrato, la ĵurnalo « Esperantaj sciigoj » ankaŭ helpos multe la propagandon. Ĝia duobla numero 2<sup>a</sup> kaj 3<sup>a</sup> sciigas ekziston de la « Esperantista Grupo Munhena » ; ĝia estraro estas : S<sup>ro</sup> L. E. Meier,

idées, à ses préférences qu'à la cause même qu'on prétend servir. »

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

L. DE BEAUFRONT.

Nous partageons pleinement la manière de voir de M. de Beaufront. Antérieurement déjà nous avons protesté contre les changements que certains partisans voulaient introduire dans l'Esperanto. Plus que jamais nous rejetons d'emblée toute innovation présentée au sujet de la langue internationale. Nous ne nous occupons que de propagande et nous respectons religieusement les principes établis par le Docteur Zamenhof. Dorénavant, nous ne mentionnerons plus les actes de ceux qui s'écartent des règles admises par les hommes qui luttent vaillamment depuis des années pour notre cause.

D'ailleurs, on est ami de l'Esperanto, on est indifférent à la réalisation de cette belle œuvre ou on en est adversaire. Au nombre de ces derniers doivent être rangés ceux qui, au lieu de se livrer à la diffusion de la langue, perdent un temps précieux à la critiquer, à la modifier ou à la défigurer sans motif.

Eh bien ! ceux-là, nous les abandonnons en route, sans regrets. En avant !

LA RÉDACTION.

### A travers le monde Espérantiste.

C'est d'Allemagne que, le mois passé, nous avons reçu deux nouveaux livres. Le premier est une traduction du livre bien connu de M. Cart, « L'Esperanto en 10 leçons » ; le traducteur, M. Borel, a ajouté à l'œuvre originale quelques morceaux littéraires, prose et poésie. Le second est un dictionnaire Allemand-Esperanto composé sous la rédaction du Docteur Zamenhof par MM. Hermann Jürgensen et M. Pagnier. Le dictionnaire est très complet car il contient plus de seize mille mots. Ces livres promettent l'un et l'autre d'amener à notre idée beaucoup de néophites dans les pays où se parle l'allemand.

Notre confrère, le journal « Esperantistische Mitteilungen » aidera aussi beaucoup la propagande. Son double numéro 2 et 3 nous apprend l'existence du groupe espérantiste de Munich. Un autre groupe s'est fondé à Brunswick sous le titre

*toonen dat men meer gehecht is aan zijne gedachten, aan zijne voorkeuren, dan aan de zaak zelve, welke men beweert te dienen.* »

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

L. DE BEAUFRONT.

*Wij deelen ganschelijk de zienswijze van M. de Beaufront. Voortijds reeds zijn wij opgekomen tegen de veranderingen welke zekere aanhangers wilden invoeren in het Esperanto. Meer dan ooit verwerpen wij ineens alle voorgestelde vernieuwing op het onderwerp der wederlandsche taal. Wij houden ons slechts bezig met verspreiding en wij eerbiedigen getrouwelijk de grondregels vastgesteld door Doktoor Zamenhof. Voortaan zullen wij geen gewag meer maken van de daden van dezen die afwijken van de regelen, aangenomen door mannen die moedig sedert jaren strijden voor onze zaak.*

*Ten andere, men is vriend van het Esperanto, men is onverschillig aan de verwezentlijking van dit schoone werk, of men is er tegenstrever van. Tot het getal dezer laatsten moeten dezen gerangschikt worden die, in plaats van zich te leveren aan de verspreiding der taal, een kostelijken tijd verliezen met ze te beoordeelen, ze te wijzigen of te misvormen zonder reden.*

*Ehwel! dezen daar, wij laten ze op den weg, zonder spijt. Vooruit!*

*DE OPSTELRAAD.*

### Dwars door de Esperantische Wereld.

*'t Is uit Duitschland, dat wij, verleden maand, twee nieuwe boeken ontvangen hebben. Het eerste is eene vertaling van het welgekend boek van M. Cart « L'Esperanto en 10 leçons » ; de vertaler, M. Borel, heeft bij het oorspronkelijk werk eenige letterkundige stukjes, proza en dicht, gevoegd. Het tweede is een Duitsch-Esperantisch woordenboek, samengesteld, onder de redaktie van den Doktoor Zamenhof, door de HH. Hermann Jürgensen en M. Pagnier. Het woordenboek is zeer volledig want het behelst meer dan zestien duizend woorden. Deze boeken, het eene en het andere, beloven veel nieuwelingen aan onze zaak bij te brengen in de landen, waar Duitsch gesproken wordt.*

*Onze medebroeder, het blad « Esperantistische Mitteilungen » zal ook veel aan de propaganda helpen. Zijn dubbel nummer 2 en 3 bericht ons het bestaan van de Esperantische groep van Munchen. Een andere kring is gesticht te Brunswick onder den*

prezidanto; Sro Hans Wulko, sekretario, Sägerstrasse 3a 31 en Munĥeno (Munich) kaj Sro Frh. von Stromer, kasisto. Alia grupo fondiĝis en Brunsvigo, la « Klubo Esperantista Brunsviga » kies prezidanto estas Sro Wallon kaj ĝia sekretario Sro F. Schuck, Thomasstrasse, 16, Brunsvigo (Brunswick).

Tiuj novaj grupoj estas la unua rezultato de la fortika agemo de niaj germanaj samideanoj kaj ni devas kore aplaŭdi iliajn penojn kaj ilian sindonecon.

Tiu ĵurnalo raportas pri parolado kiun faris Sro C. Walz, poŝtoficisto en Tsingtaŭ (Kiaŭtschu), tio estas diri en la malproksima Orienta Azio; la parolado havis bonan aŭdantaron kaj vera intereso pri Esperanto vekiĝis en la nova Azia Kolonio.

Tiel kiel ni en Belgujo, « Esperantaj sciigoj » bedaŭras la kritikojn de la ĵurnalistoj kiuj skribas artikolojn pri Esperanto tute ne aŭ nesufiĉe konantaj nian aferon; ankoraŭ ĝi bedaŭras la ŝanĝojn en la reguloj faritajn senprave de tro varmega Germana Esperantisto. La homoj, ĵurnalistoj kaj novamantuloj, estas kaj estos ĉiam similaj en ĉiuj landoj!

***

La scienca mondo uzas pli kaj pli Esperanton por disvastigi ĝiajn raportojn kaj novaĵojn en ĉiuj landoj. Krom la « Internacia Scienca Revuo » kies dua kaj tria numeroj estas tiel interesaj kiel la unua, ni ricevis la « Bulletin du Musée Océanographique de Monaco » (Bulteno de la Oceanografia Muzeo de Monako) kiu, en sia oka numero (10a de aprilo 1904) enhavas priskribon de nova sondilo skrapanta de Sro M. Léger. Tiu interesa verko estas skribita France kaj Esperante; unu broŝureto eldonita de la Grupo Esperantista de Monako enhavas aparte la tekston Esperantan kaj estas tre bona propagandilo. Ni gratulas la direkcio de la Muzeo pri ĝia bela iniciatio kaj la Monaka grupo pri la fruktoplena rezultato kiun ĝi atingis.

Ni ankoraŭ ricevis broŝuron tute skribitan Esperante titolitan « Raporto hidrologia kaj medicina pri la termala ŝlimbanejo de Saint-Amand-les-eaux » de Dro H. Thiroux kies tradukon faris Dro Paul Rodet. Ni esperas ke tiu broŝuro konigos la banejon de Saint-Amand-les-eaux en nombraj lokoj kie nur Esperanto povas konigi ĝin; tielaj sciigoj, pli ol aliaj, meritas certe atenton de niaj amikoj.

***

La Angla ĵurnalo « The Esperantist » kiu estas ĉiam tre interesa, publikigas rakonton pri la vojaĝo de

---

de Club Espérantiste. Ces nouveaux groupes, dont nous donnons les comités dans le texte esperanto, sont le premier résultat de l'activité nourrie de nos partisans allemands et nous devons applaudir de tout cœur à leurs efforts et à leur dévouement. Ce journal rend compte d'une conférence qu'a faite M. C. Walz, fonctionnaire des postes, à Tsingtaŭ (Kiaŭtschu), c'est à dire en Asie Orientale; la conférence eut un bon auditoire et un véritable intérêt pour l'Esperanto s'est éveillé dans cette colonie Asiatique.

De même qu'en Belgique, « Esperantistische Mitteilungen » regrette les critiques de Messieurs les journalistes qui écrivent des articles au sujet de l'Esperanto ne connaissant pas la question ou la connaissant insuffisamment; il regrette aussi les changements aux règles faites sans droit par un Espérantiste allemand trop bouillant. Les hommes, journalistes et novateurs, sont et seront toujours les mêmes dans tous les pays!

***

Le monde scientifique emploie de plus en plus l'Esperanto pour augmenter ses rapports et propager ses nouveautés dans tous les pays. Outre la Revue Scientifique Internationale dont le deuxième et le troisième numéros sont aussi intéressants que le premier, nous avons reçu le Bulletin du Musée Océanographique de Monaco qui, dans son numéro 8 (avril 1904) contient la description d'un nouveau sondeur à drague de Mr M. Léger. Ce travail intéressant est écrit en français et en Esperanto; une petite brochure, éditée par le groupe Espérantiste de Monaco, contient, en tiré à part, le texte Esperanto et se trouve être un excellent livre de propagande. Nous félicitons la direction du Musée pour sa belle initiative et le groupe de Monaco pour le résultat fécond qu'il a atteint.

Nous avons encore reçu une brochure entièrement écrite en Esperanto intitulée : Examen, hydrologique et médical de l'établissement de bains de boue thermale de Saint-Amand-les-eaux du Dr H. Thiroux dont le docteur Paul Rodet a fait une traduction. Nous espérons que cette brochure fera connaître les bains de Saint-Amand-les-eaux dans les nombreux milieux où seul l'Esperanto peut les faire connaître; de telles informations, plus que d'autres, méritent certes l'attention de nos amis.

***

Le journal anglais « The Esperantist » qui est toujours très intéressant, publie le récit du voyage de M. H. Bolingbroke

*titel van Esperantische Club. Deze nieuwe groepen, waarvan wij de besturen in den Esperantischen tekst mededeelen, zijn het eerste gevolg van de vlijtige werkzaamheid onzer Duitsche aanhangers en wij moeten uit ganscher harte hunne pogingen en hunne verkleefdheid toejuichen. Dit blad geeft verslag van eene voordracht, welke M. C. Walz, postbediende, gedaan heeft te Tsingtaŭ (Kiaŭtschu): 't is te zeggen in Oost-Azië. De voordracht had een talrijk gehoor, en een waar belang voor het Esperanto is in deze Aziatische colonie opgewekt.*

*Zooals in België betreurt de « Esperantistische Metteilungen » de beoordeelingen van de Heeren dagbladschrijvers, die artikelen schrijven over het Esperanto, de kwestie niet kennende of ze niet genoegzaam kennende; hij betreurt ook de veranderingen aan de regels, zonder recht gedaan door een Duitschen te vurigen Esperantist. De mannen, dagbladschrijvers en vernieuwers, zijn en zullen altijd de zelfde zijn in alle landen!*

***

*De wetenschappelijke wereld gebruikt meer en meer het Esperanto om hare betrekkingen te vermeerderen en hare nieuwigheden in alle landen te verspreiden. Buiten de « Revue Scientifique Internationale, » wiens tweede en derde nummer zoo belangrijk zijn als het eerste, hebben wij ontvangen het « Bulletin du Musée Océanographique de Monaco » dat, in zijn nummer 8 (April 1904) de beschrijving bevat van een nieuwen peiler met baggernet van Mr M. Léger. Dit belangrijk werk is geschreven in het Fransch en het Esperanto; een klein vlugschrift, uitgegeven door de Esperantische groep van Monaco behelst, in afzonderlijken druk, den Esperantischen tekst en bewijst een uitmuntend propagandaboek te zijn. Wij wenschen het bestuur van het Museum geluk met zijne werkzaamheid, en de groep van Monaco met den vruchtbaren uitslag welken hij bereikt heeft.*

*Wij hebben nog eene brochuur ontvangen, gansch in het Esperanto geschreven, getiteld: Water- en geneeskundig onderzoek van het warmbronslijk badgesticht van Saint-Amand-les-eaux, van Dr H. Thiroux, waarvan de doktoor Paul Rodet eene vertaling gemaakt heeft. Wij hopen dat deze brochuur de baden van Saint-Amand-les-eaux zal doen kennen in talrijke middens waar alleen het Esperanto ze kan doen kennen; zulke inlichtingen, meer dan andere, verdienen zekerlijk de aandacht onzer vrienden.*

***

*Het Engelsch blad « The Esperantist » dat altijd zeer belangrijk is, geeft het verhaal van de reis van M. H. Bolingbroke*

S^ro^ H. Bolingbroke Mudie tra Francujo dum la libertempo de lasta Pasko. La plej kora entuziasmo regis ĉie kaj la longa raporto de la vojaĝinto detale sciigas la facilecon de la interparolado kaj la rezultatojn de tiuj vizitoj. Nia samideano raportas ke neniam li havis malfacilecon kompreni la Francojn parolantajn Esperante. Tamen, unufoje, frazon, mem malrapide ripetitan li ne komprenis..... ŝerce, la Franco provis paroli Angle ! Ni citu la rakonton : « Je vespermanĝo tre ŝerca okazo multe ridigis nin. Ni kunparolis en « la Hotelo (en Beaune) ĉiam en Esperanto, sed, subite, oni diris frazon kiun mi tute ne povis kompreni. « Eĉ je la dua fojo la afero estis nekomprenebla. Fine mi sciiĝis ke la nekonataj vortoj estis en la Angla « lingvo ! Jen interesa fakto por tiuj, kiuj kredas, ke la malfacila Angla lingvo devas esti uzata por « ŝlosillingvo. »

La « Petit Calaisien » 6^an^ de aprilo raportas ankoraŭ ke Angla samideano, S^ro^ C. Reeve, kiu ne konas unu Francan vorton, vizitis niajn amikojn de la tiea grupo, kaj ĉiuj, kiuj parolis kun li, estis mirigitaj pri la facileco kaj la klareco de la lingvo.

Oni neniam ripetos sufiĉe : Esperanto permesas ne zorgi pri la malsimileco de la akcento, almenaŭ dum la unuaj interparoladoj. Iom post iom oni akiras facile internacian akcenton ; persone ni konstatis tion ĉe Ruso kaj Bulgaro, niaj Francaj amikoj povis tion konstati same ĉe Angloj.

***

Kelkaj ĵurnaloj tre favore akceptis artikolojn pri Esperanto.... en alilando. Ni ricevis « L'Echo de la Timbrologie » kiu enhavas tre bonan artikolon de S^ro^ Joseph Delfour pri la lastaj libroj kaj novaj ĵurnaloj. La sindona membro de la komitato de la S. f. p. E. donas difinon de Esperanto kiu multe plaĉas al ni : « Grandega arbo, kies larĝaj brakoj kaj densa foliaro kovras la mondon, kaj kiu streĉas en infero siajn « fruktigantajn radikojn. » La « Revue de l'Esperanto » Esperanta paĝo de la ĵurnalo « Le Cicerone » sciigas ke la grupo de Boulogne s/mer organizos, dum la Pentekostaj festoj, kunvenon por ĉiuj fremdaj Esperantistoj. Por la Belgaj samideanoj niaj estas okazon viziti tiun havenon kaj tie renkonti sindonajn kunbatalantojn ; sin turni, por detaloj, al S^ro^ Michaux, prezidanto de l' Grupo, 26, rue Wissocq en Boulogne s/mer.

---

Mudie en France pendant les vacances de Pâques. Le plus cordial enthousiasme a régné partout et le long compte-rendu du voyageur détaille la facilité d'interlocution et les résultats de ces visites. Notre partisan nous fait savoir que jamais il n'eut de difficulté pour comprendre les français parlant Esperanto. Cependant une seule fois une phrase, même lentement répétée, ne fut pas comprise par lui.... en plaisantant, le français avait essayé de parler anglais !

Citons le récit même : At dinner a very amusing occurence caused much laughter. In the Hotel we always spoke Esperanto, but suddenly someone said a phrase I could not understand. Even the second time it was incomprehensible. Finally, I learned that the unrecognised words had been said in English ! Here is an interesting fact for those who think that the difficult English language must be used for a key language.

Le « Petit Calaisien » du 6 avril nous apprend encore qu'un adepte anglais, M. C. Reeve, qui ne connaît pas un mot de français, a visité nos amis du groupe local, et ceux qui ont parlé avec lui, ont été émerveillés de la facilité et de la clarté de la langue.

On ne le répétera jamais assez : l'Esperanto permet de négliger la différence d'accent, au moins pendant les premières conversations. Peu à peu on acquiert facilement un accent international ; personnellement je l'ai constaté chez un Russe et chez un Bulgare ; nos amis français ont pu le constater de même chez des Anglais.

***

Quelques journaux ont accueilli très favorablement des articles sur l'Esperanto..... à l'étranger. Nous avons reçu L'Echo de la Timbrologie qui contient un très bon article de M. Joseph Delfour au sujet des derniers livres et des nouveaux journaux. Le dévoué membre du Comité de la S. f. p. E. a donné une définition de l'Esperanto qui nous plaît beaucoup : « Un arbre gigantesque dont les larges bras et le feuillage « épais couvrent le monde et qui attache dans l'enfer ses « fécondes racines. »

La « Revue de l'Esperanto », page consacrée à la langue dans le journal « Le Cicerone » annonce que le groupe de Boulogne s/mer organise, pendant les fêtes de la Pentecôte, une réunion pour tous les Espérantistes étrangers. Pour nos adeptes belges c'est une occasion de visiter ce port et d'y rencontrer de dévoués compagnons de lutte ; s'adresser pour tous détails à M. Michaux, président du groupe, 26, rue Wissocq, à Boulogne s/mer.

*Mudie in Frankrijk binst de Paaschverlofdagen. De hartelijkste geestdrift heeft overal geheerscht, en het lang verslag van den reiziger bespreekt het gemak van onderlinge verstaanbaarheid en de uitslagen van deze bezoeken. Onze aanhanger laat ons weten dat hij nooit moeilijkheid had om de Franschen te verstaan die Esperanto spraken.*

*Nochtans een enkele keer, één volzin, zelfs langzaam herhaald, werd door hem niet verstaan... de Franschman had, schertsende, beproefd om Engelsch te spreken !*

*(Zie hiernevens den Engelschen tekst van het verhaal.)*

*De « Petit Calaisien » van 6^n^ April bericht ons ook dat een Engelsche aanhanger, M. C. Reeve, die geen woord Fransch kent, onze vrienden van de plaatselijke groep bezocht heeft, en dezen die met hem gesproken hebben, waren verwonderd over het gemak en de klaarheid der taal.*

*Men zal het nooit genoeg herhalen : het Esperanto laat toe het verschil van klemtoon te verwaarloozen, minstens bij de eerste gesprekken. Allengskens verkrijgt men gemakkelijk een wederlandschen tongval ; ik heb het persoonlijk bestatigd bij eenen Rus en bij eenen Bulgaar, onze Fransche vrienden hebben het insgelijks kunnen bestatigen bij Engelschen.*

***

*Eenige bladen hebben zeer goedgunstige artikelen aanvaard over het Esperanto... in den vreemde. Wij hebben ontvangen « L'Echo de la Timbrologie » die een zeer goed artikel van M. Joseph Delfour bevat, nopens de laatste boeken en nieuwe dagbladen. Het verkleefde lid van het bestuur der S. f. p. E. heeft eene bepaling van het Esperanto gegeven, die ons veel aanstaat : « Een overgroote boom wiens lange takken en het dik gebladerte de wereld bedekken en die in de hel zijne vruchtbare wortelen vest. »*

*De « Revue de l'Esperanto » bladzijde gewijd aan de taal in het blad « Le Cicerone » meldt dat de groep van Boulogne a/zee, binst de Pinksterfeesten, eene vergadering belegt voor alle vreemde Esperantisten. Voor onze Belgische aanhangers is het eene gelegenheid om deze haven te bezoeken en er verkleefde strijdmaten te ontmoeten ; voor alle bijzonderheden, zich te wenden tot M. Michaux, voorzitter der groep, 26, Rue Wissocq, te Boulogne a/zee.*

Du ĵurnaloj « La Tribune de Genève » kaj « L'Ecolier Genèvois » (La Geneva lernanto) alportas al ni tre bonajn artikolojn de S^ro Edmond Privat. Inter aliaj sciigoj, ili raportas pri parolado sukcese farita de S^ro Cart en Genève kaj pri nova kurso, la dua, ĉe « L'Union Chrétienne ». (La Kristana Unuigo). Niaj svisaj amikoj daŭrigas feliĉe sian fruktodonan agon kaj la plej junaj ne estas la malpli sindonaj.

« El Diaro » ĵurnalo de Chiclayo (Perujo) sciigas ke S^ro G Abrill, ĝenerala Sekretario de la Komerca Instituto, tie instruas lingvon Esperanton.

***

La unuan registron de la donacoj por la loterio organizita en Lyon sub la gracia direktado de Fraŭlino Zabilon d'Her ĵus ni ricevas. La nombro de la lotaĵoj ĝis nun promesitaj aŭ senditaj estas kvarcent kvardek naŭ. Kompreneble ni ne povas publiki tiun registron pro longo ĝia. « La Belga Sonorilo » ankoraŭ sendis lotaĵojn kaj ni esperas ke la Belgaj Esperantistoj intencos partopreni plenkore, per sendo da lotaĵoj aŭ per aĉeto da lotbileto, al tiu bonfaranta ago; oni memoriĝos ke la loterio celas disvatigadon de Esperanto ĉe la blinduloj. Tiuj-ĉi baldaŭ havos specialan ĵurnalon Esperantan, presigotan per literoj Braille. La patronaro kalkulas Germanajn, Anglajn, Francajn, Svedajn, Italajn, Aŭstrajn, Svisajn kaj Hispanajn blindulojn. Estos S^ro Th. Cart, kies tuŝanta sento de patra dankeco estas farinta lin la grandan propagandulon ĉe la blinduloj, kiu provizore direktos la ĵurnalon. La entrepreno estas nobla kaj laŭdinda; ni deziras de nun grandan sukceson por tiu ĵurnalo, kies unua numero aperos la proksiman monaton.

La personaj kiuj konas blindulojn iajn kiuj estas kapablaj lerni Esperanton povas skribi al la redakcio ; ni sciigos la rimedojn la plej difinitajn por facile plenumi ilian deziron.

## Nekrologio.

Ni devas sciigi al niaj samideanoj funebran novaĵon: morton de Lia kanonika moŝto Michiels, honora prezidanto de la Esperantista grupo en Mehleno (Malines).

Dank' al lia allogo kaj al liaj agadoj, Esperanto faris en la ĉefepiskopa urbo gravajn progresojn.

Tiel konata ĉe la multinstruita mondo pro sia alta sciencemo kaj sia nelacebla kuraĝo, li estis la centra movilo de nia granda entreprenado en Mehleno, entreprenado jam kronita per belaj kaj gravaj rezultatoj, kvankam ĝi estas nove enkondukita tien.

Ni salutu lin, unu el tiuj, kiuj alportis ŝtonon al tiu vasta monumento kiu celas kaj ĉirkaŭprenas la tutan mondon kaj kunligos iam ĉiujn popolojn per integrala akcepto de la helpanta lingvo Esperanto.

Ni prezentas la kondolencojn de la Belga Esperantistaro al tiuj, kiuj ploras hodiaŭ pri li.

Jos. JAMIN.

---

Deux journaux, « La Tribune de Genève » et « L'Ecolier genèvois » nous apportent de très bons articles de M. Edmond Privat. Entre autres informations, ils donnent le compte-rendu d'une conférence faite avec succès par M. Cart à l'Union chrétienne. Nos amis suisses continuent avec bonheur leur action féconde et les plus jeunes ne sont pas les moins dévoués.

« El Diaro », journal de Chiclayo (Pérou) annonce que M. G. Abrill, secrétaire général de l'Institut commercial, y enseigne l'Esperanto.

***

La première liste des dons reçus pour la loterie organisée sous la gracieuse direction de Mademoiselle Zabilon d'Her vient de nous parvenir Le nombre des lots promis ou envoyés jusqu'ici est de 449. Nous ne pouvons naturellement publier cette liste à cause de sa longueur. La Belga Sonorilo a également envoyé des lots et nous espérons que les Espérantistes belges voudront prendre part à cette bonne action de tout cœur soit par l'envoi des dons, soit par l'achat de billets ; on se rappellera que la loterie vise la propagande de l'Esperanto parmi les aveugles. Ceux-ci auront bientôt leur journal Espérantiste spécial imprimé en Braille. Le comité de patronage comprend des aveugles Allemands, Anglais, Français, Suédois, Italiens, Autrichiens, Suisses et Espagnols. Ce sera M. Th. Cart qu'un touchant sentiment de reconnaissance paternelle a fait le grand propagateur chez les aveugles, qui prendra provisoirement la direction du journal.

L'entreprise est noble et digne d'éloges ; nous souhaitons dès maintenant un grand succès à ce journal dont le premier numéro paraîtra le mois prochain.

Les personnes qui connaissent des aveugles capables d'apprendre l'Esperanto peuvent écrire à la rédaction ; nous leur ferons connaître les moyens les plus directs pour leur donner satisfaction.

Jos. JAMIN.

*Twee bladen : « La tribune de Genève » en « L'Ecolier Genèvois » brengen ons zeer goede artikels van M. Edmond Privat. Onder andere inlichtingen, geven zij het verslag eener voordracht, met bijval gegeven door M. Cart, aan de Union Chrétienne.*

*Onze Zwitsersche vrienden doen met geluk hunne vruchtbare werking voort en de jongsten zijn de minst verkleefden niet.*

*« El Diaro », dagblad van Chiclayo (Peru), meldt dat M. G. Abrill, algemeene schrijver van het handelsgesticht, er het Esperanto onderwijst.*

***

*De eerste lijst der giften, ontvangen voor de loterij, ingericht onder het minzame bestuur van Mejuffer Zabilon d'Her, is ons toegekomen. Het getal der tot nu toe beloofde of ingezonden loten is 449. Wij kunnen deze lijst natuurlijk niet uitgeven, ter oorzake harer lengte. De Belga Sonorilo heeft insgelijks prijzen gezonden en wij hopen dat de Belgische Esperantisten uit gansch hart zullen willen deelnemen aan dit goede werk, 't zij door het zenden van giften, 't zij door aankoop van briefjes ; men zal zich herinneren dat de loterij de propaganda van het Esperanto onder de blinden bedoelt. Dezen zullen welhaast hun bijzonder Esperantisch blad hebben, gedrukt in Braille-letters. Het beschermbestuur behelst de Duitsche, Engelsche, Fransche, Zweedsche, Italiaansche, Oostenrijksche, Zwitsersche en Spaansche blinden. Het zal M. Th. Cart zijn, wien een treffend gevoel van vaderlijke dankbaarheid de groote verspreider bij de blinden gemaakt heeft, die voorloopig het bestuur van het blad zal nemen.*

*De onderneming is edel en lofwaardig ; wij wenschen van nu af een grooten bijval aan dit blad welks eerste nummer te naaste maand zal verschijnen.*

*De personen die blinden kennen, bekwaam om het Esperanto te leeren, mogen schrijven aan den opstelraad ; wij zullen hun de rechtstreekste middelen doen kennen om hun voldoening te geven.*

Vertaald door A.-J. WITTERYCK.

## Dokumentoj por la Historio de Esperanto en Belgujo.

La Brusela ĵurnalo « Le Soir » enpresis multajn artikolojn en kiuj oni atakis senprave Esperanton. Kelkaj amikoj miris pri silento nia, kiam tiuj atakoj komenciĝis. Ili nescias, eble, ke ni skribis al la redakcio de la ĵurnalo por korektigi la prezentitajn opiniojn, sed vane. En sia numero de la 2ª de Aprilo, la sama ĵurnalo enpresas artikolon pri ia « sabir'o » kiu provas, ankoraŭ unufoje, ke la aŭtoro scias nenion pri la demando. Tiu artikolo, pardonebla antaŭ dekjaroj, nune estas erarplena kaj ridinda.

Ni reproduktas la unuan leteron adresitan al la redakcio de « Le Soir »; nova protesto ne havas ŝancon pri sukceso ; tial ni nur notas la malfacilecon kiun oni renkontas kiam oni intencas defendi' ian progreseman laboron.

« Le Soir » malŝatis nian leteron kaj ne ĝin enpresis.

Poliglota Klubo en Bruselo — Bruselo, la 24an de Januaro 1904.
ESPERANTISTA SEKCIO

—

**Al la ĵurnalo « Le Soir. »**

Sinjoro Ĉefredaktoro,

« Le Soir » publikigis, en sia numero de la dimanĉo 24an de la kuranta monato, du artikoletojn : *La komerca latinlingvo* kaj *Kelkaj eraretoj*, kiuj enhavas ambaŭ kelkajn malĝustaĵojn pri la lingvo *Esperanto*. Permesu al mi korekti, per kelkaj vortoj, la dirojn kiuj ŝajnas al mi korekteblaj.

Post diro via ke oni ne disputas plu pri la neceso de universala lingvo — aŭ pli precize de internacia lingvo, kio ne estas sama afero — vi aldonas ke la akcepto de vivanta lingvo estas neebla ; tio estas tute vera. Sed kiam vi aldonas ke la artefaritaj lingvoj havas nenian estonton, ke ili estas tro arbitraj, vi eraras kaj tiu eraro pligrandiĝas kiam vi diras ke Esperanto mortigis Volapukon kaj estas minacita, siavice, ricevi saman sorton, tio laŭ preteksto de progresado !

---

**Documents pour l'histoire de l'Esperanto en Belgique.**

Le journal bruxellois « Le Soir » a inséré plusieurs articles dans lesquels on a attaqué sans raison l'Esperanto.

Quelques amis se sont étonnés de notre silence lorsque les attaques commencèrent. Ils ignoraient probablement que nous avions écrit à la rédaction du journal pour faire rectifier les opinions émises, mais vainement. Dans son numéro du 2 avril, le même journal insère un article au sujet de je ne sais quel « sabir » qui prouve, une fois de plus, que l'auteur ne connaît rien de la question. Cet article eût été pardonnable il y a dix ans, mais aujourd'hui il fourmille d'erreurs et est ridicule. Nous reproduisons la première lettre adressée à la rédaction du « Soir, » une nouvelle protestation n'a aucune chance d'aboutir : c'est pourquoi nous nous contenterons de prendre acte de la difficulté que l'on rencontre lorsqu'on veut défendre une œuvre de progrès. « Le Soir » n'a pas daigné insérer cette lettre.

Bruxelles, le 24 janvier 1904.

Cercle polyglotte de Bruxelles.
Section ESPÉRANTISTE.

**Au journal « Le Soir. »**

Monsieur le Rédacteur en chef,

« Le Soir » a publié dans son numéro du dimanche 24 courant deux articulets : *Le latin commercial* et *Quelques bévues* qui contiennent tous deux quelques inexactitudes en ce qui concerne l'*Esperanto*. Permettez-moi de rectifier en quelques mots les passages qui me paraissent devoir l'être.

Après avoir dit qu'on ne discute plus la nécessité d'une langue universelle — ou plus exactement d'une langue internationale, ce qui n'est pas la même chose — vous ajoutez que l'adoption d'une langue vivante est impossible ; tout cela est très vrai.

Mais lorsque vous ajoutez que les langues artificielles n'ont aucun avenir, qu'elles sont trop arbitraires, vous faites erreur, et cette erreur s'accentue lorsque vous dites que l'Esperanto a tué le Volapük et est menacé de subir le même sort, tout cela sous prétexte de progrès !

**Bijdragen voor de geschiedenis van het Esperanto in België.**

*Het Brusselsch dagblad « Le Soir » heeft verscheidene artikelen ingelascht, in dewelke men zonder reden het Esperanto aangerand heeft.*

*Eenige vrienden waren verwonderd van ons stilzwijgen, toen de aanvallen begonnen. Zij wisten waarschijnlijk niet dat wij geschreven hadden aan den opstelraad van het blad, om de opgenomen meeningen terecht te wijzen, maar nutteloos. In zijn nummer van 2n April, lascht het zelfde blad een artikel in, over ik weet niet welke « sabir » die eens te meer bewijst, dat de opsteller niets van de zaak kent. Dit artikel ware vergeeflijk geweest over tien jaar, maar hedendaags krielt het er van dwalingen en is belachelijk. Wij schrijven den eersten brief, aan den opstelraad van « Le Soir » gericht, over ; eene nieuwe opkomst heeft geene kans tot haar doeleinde te geraken : 't is daarom dat wij ons zullen tevreden stellen met akte te nemen van de moeilijkheid welke men ontmoet, wanneer men een werk van vooruitgang wil verdedigen. « Le Soir » heeft niet gewaardigd dezen brief op te nemen.*

*Brussel, den 24 Januari 1904.*

*Talenkring van Brussel.*
ESPERANTISCHE AFDEELING.

**Aan het dagblad « Le Soir ».**

*Mijnheer de Hoofdopsteller,*

*« Le Soir » heeft in zijn nummer van Zondag 24n dezer maand twee artikeltjes uitgegeven : « Le latin commercial* en *Quelques bévues », die alle twee eenige onjuistheden bevatten voor wat aangaat het Esperanto. Laat mij toe in eenige woorden de plaatsen terecht te stellen, die mij toeschijnen het te moeten zijn.*

*Na gezegd te hebben dat men niet meer spreekt over de noodzakelijkheid eener wereldtaal — of juister eener wederlandsche taal, hetgeen hetzelfde niet is — voegt gij er bij, dat de aanname eener levende taal onmogelijk is, dit alles is zeer waar.*

*Maar wanneer gij bijvoegt dat de kunsttalen geene toekomst hebben, dat zij te willekeurig zijn, dan doolt gij en deze doling neemt toe wanneer gij zegt dat het Esperanto, het Volapük gedood heeft en bedreigd is het zelfde lot te ondergaan, dit alles onder voorwendsel van vooruitgang !*

